// Konstru-Forumo 30

septembro 2011

Jan Werner, retadreso: <...@...>

## Enkonduke al la 30-a numero

La someraj ferioj pasis kaj por pluraj establaĵoj, lernejoj kaj ankaŭ por la plejparto de esperantistaj organizaĵoj komenciĝas nova agadsezono. Fine de tiu ĉi alparolo mi provos skizi la novan sezonon de nia Konstru-Forumo, sed unue mi revenos al la sezono ĵus pasinta.

Nia kutima programo evoluis laŭplane, en la pasinta jaro ni terminologie solvadis 17 novajn temojn (n-roj 36-52), el kiuj ni la solvon interkonsentis plene aŭ preskaŭ plene : 36, 37, 39, 42, 43, 44, 45, 46, 48, 49, 50, 52. Pro ies kontraŭstaro rilate la originan proponon estas deklarita libera laŭvola apliko en la temo 38: traverso/kverbalko kaj longverso/longbalko; en la temo 40: ladista foldo/faldo. La temoj pri EBV Duden estis tre ampleksaj, ne ĉiu termino estis akceptita plene, sed miaopinie ni faris utilan servon al la kolego J. Horváth (revizianto) kaj al la eldononto FEL de la Esperanta Bildvortaro (la unua eldono okazis en Kanado far *esperanto press* en 1988).[1] Kontentigan solvon spitas la temo 41, konkrete la nocio tabulo/breto/planĉo. Pri nesufiĉeco de «tabulo» pro ties enorma polisemio ni ĉiuj juĝas same, sed nia unuanima interkonsento pri ĝia substituo ĝis nun ne okazis. La temo 47, traktanta la nocion por lumon tralasanta parto de tegmento (*Oberlicht*, *rooflight*) estas plene sen interkonsento, dum en la temo 51 «ŝtonceramiko» miasupoze estos baldaŭ venkita. En la lastaj monatoj de la jaro 2011 ni ankoraŭ provos trovi interkonsenton pri kelkaj novaj temoj, mi petas voĉdone montru viajn preferojn, speciale mi petas komenton pri la temo 53.

Kvankam la dokumento *Konstru-Forumo* ne aplikas la principojn de terminologio konsekvence, mi klopodis la fakon prezenti almenaŭ po gutoj. Mi jam plurfoje spertis, ke esperantistaj fakuloj, ne nur konstruistoj, ne ŝatas studi la sciencan fakon terminologio, ke ili inklinas al laika terminfarado. Tiu stato, karakterizas ankaŭ nian kolektivon, sed ne indas la situacion ŝanĝi perforte. Mi devas esti kontenta kun via bonvolo kunlabori laŭ la maniero, al kiu ni dum la jaroj kutimiĝis. Ĝi ne estas tute laika, ni ja ĉiam serĉas koneksojn al la nocioj parencaj, al la nocio-sistemo, kvankam ofte nerekte, en la afera argumentado.

Via forumo estas kolektivo libera, ni ne estas iu konsistiga sekcio de TAKE, nia profesia kaj esperantista tasko estas subteni tiun organizaĵon laŭ la maniero de reciproka informado kaj per nia aktiva zorgado pri la *Jarkolektoj de TAKE*.

Lime de la jaroj 2011 kaj 2012 *Konstru-Forumo* ekstaros sur la sojlo de nova etapo, ĉar mi retiriĝos el la kunordigado kaj aperigado de tiu ĉi dumonata diskuta samnoma dokomento (KF), kiu nun fermas sian 3-an numer-dekon. Fine de la 29-a numero estas esprimita la opinio de Fabien van Mook, vicprezidanto de TAKE, ke „la varianto **b** estus plej ideala, t.e. daŭrigo sub gvido ne nova kunordiganto (anstataŭ mi), sed neniu komunikis al mi sian komplezon gvidi. Fabien daŭrigis: „Se ni ne trovos kandidaton por la varianto **b**, mi pensas, ke la varianto **c** eblos…“ (citaĵo el la n-ro 28, p. 199: Ni daŭrigos nian agadon limigite sen centra kunordigado, okazados nur reciprokaj konsultaj kontaktoj; iniciatinto de ĉiu solvota temo mem klopodos trovi komunan solvon.) – Laŭ mi (WE) estus pli utila la varianto **d**, sed por tiu estas bezonata persono „kolektanto“, kiu unufoje dum la jaro redaktus kolekton de la individuaj solvoj atingitaj laŭ la maniero de la varianto **b**. Ankoraŭ ni havas kelkajn monatojn por pripensadi la aferon. Por tiu ĉi 30-a n-ro de KF neniu el vi faris iun proponon. Mi instigas vin, esprimu vin al mi, kiel vi opinias la estontan statuson de nia kolektivo antaŭ la fino de oktobro 2011 !!!

Mi scius administri kiun ajn el la variantoj, sed konsciu, ke mi kiel maljuna homo volas plenumi kelkajn labore jam komencitajn taskojn, honeste ilin fini kaj prezenti ilin favore por la Zamenhofa movado. La administrado de KF grave baras mian homan devontiĝon en la agadoj parte fakaj, parte ĝenerale movadaj. Mi petas pri via komprenemo kaj trovo de iu modesta maniero, kiel nia kolektivo povu ekzisti plu.

Mia lastmomenta ideo: Se TAKE aperigados plu la jarkolektojn kaj zorgos pri ilia aŭtora prizorgo, redakto, enpaĝigo kaj preso, se nia kolektivo plu agos pri la konstrufaka terminaro, almenaŭ individue (sen ies kunordiga funkcio), sed la membroj provizos iun el la kolektivo per kopioj de siaj leteroj kaj mesaĝoj, tiu kolego povos la traktadojn resumi kaj komenti en la formo de artikolo por *Jarkolekto de TAKE*. Pri tio decidu la estraro de TAKE, en kiu agas kiel vicprezidanto nia Fabien van Mook. Mi petas la starpunkton de TAKE, laŭeble antaŭ la 1-a de novembro 2011, por ke mi povu en Konstru-Forumo n-ro 31 imformi ĉiujn kunlaborantojn pri la situacio.

Jan Werner

[1] La kolego Jozefo Horváth skribis al mi (2011-08-23): Mi plej kore dankas vin ĉiujn por plibonigaj komentoj kaj rekomendoj. Laŭ mi tiel devus funkcii ĉiuj fakterenoj. Via merito, s-ro Werner, estas pinte alta en la faka Esperantujo.

## Kontaktoj

**Zlatko Hinšt** retpoŝte sendis al mi fervojistan informilon *El fervoja mondo* n-ro 7/2011. Temas pri iniciato de IFEF. La periodaĵo enhavas koncizajn informojn el Aŭstralio, Aŭstrio, Britio, Ĉeĥio, Francio, Germanio, Italio, Korea Respubliko, Pollando, Slovakio, Svisio, Ukraino. Kiu el vi deziras la informilon legi, pri la sendo skribu al mi. (Prilingva rimarkigo: NE „87 mil DA veturiloj, 225 mil DA…“, sed 87 mil veturiloj, 225 mil veturiloj“, la prepozicio DA estas uzenda post substantivaj numeraloj: milo, miliono ktp.

**Pierre Grollemund** sendis al mi artikolon el la gazeto „Monato“ 7/2011 titoliotan *Energio de la tegmento* kaj akompanis ĝin per la vortoj: „Abonanto de *Monato* mi estas delonge, en la lasta numero mi trovis artikolon… verkitan de Evgeni Georgiev. Temas pri la varm-kaptiloj kaj elektro-kaptiloj, kiujn la aŭtoro nomas „sun-kolektiloj“. Mi proponas al vi legi ĝin, kaj iom doni vian opinion pri la vortoj uzitaj de la aŭtoro; ĉar ŝajnas al mi, ke estus bone interkonsenti pri kelkaj terminoj, kiuj koncernas nian konstruan fakon; almenaŭ tri ĝeneralaj terminoj estas komence bezonataj:
* ĝenerala termino pri la surtegmenta aŭ surtera objekto, kiu uzas la sunenergion,
* specifa termino por la „sunkaptiloj“, kiuj produktas varman akvon,
* specifa termino por la „sunkaptiloj“, kiuj produktas elektron.

Kion vi opinias pri tiuj demandoj miaj ?“

**Werner respondas**: La termino por la tuto de instalaĵoj, bezonataj por produkti ĉu varman akvon, ĉu elektran energion, estu suninstalaĵo (kiel vi skribis), aŭ sunekipaĵo (de domo). E. Georgiev uzis la formon „sunradioinstalaĵoj“, sed la mezan parton „radio“ mi vidas kiel superfluan. La varman akvon por banejoj, kuirejoj, malpli ofte ankaŭ por hejtado, prizorgas suninstalaĵo, kies ĉefa komponanto estas sunkolektiloj. Mi ne rekomendas la formon „sunkaptiloj“, ĉar verŝajne en ĉiuj naciaj lingvoj estas uzata *„kolektor“* (france *collecteur*), esperante do „kolektilo“, „sunkolektilo“, kvankam „kolektoro“ estus ebla. Mi informe aldonas, ke sunkolektiloj havas formon de plataj paneloj kaj preskaŭ ĉiam ili estas likvaj, escepte aeraj. La kolektilojn, resp. ties absorban parton, trafluas kontraŭfrosta likvo, kiu portas la varmenergion al la akvo en bojlero (Georgiev uzis tro ĝeneralan „varmakvujo“, E. D. Krause tre neprecizan „fluakva varmigilo“). Por produkti elektran energion rekte el suna varmradiado estas aplikata fotovoltaika fenomeno, kiu donas nomon por „fotovoltaika sunekipaĵo“, kies ĉefa parto estas fotovoltaikaj ĉeloj (mallonge: sunĉelo; E. Georgiev uzis ankaŭ „sunradioĉeloj“, en kiu la intermetita „radio“ estas superflua). Sunĉeloj formiĝas al plataj paneloj, kies apliko en arĥitekturo, precipe sur tegmentoj, estas por futuro grava maniero por vasta akirado de elektra energio. En fotovoltaikaj elektrejoj origine rekta (unudirekta) kurento (kutime 16 V) estas sekve transformata al kurento alterna kaj enlasata en publikan reton. (Marĝene: meze de la 1990-aj jaroj mi instalis varmakvan sunekipaĵon en nia familia kampara domo – daĉo, en tiu afero mi do havas plurajn spertojn.)

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 38 – traverso, longverso**. Fabien van Mook komunikas: Mi akceptas la terminojn „traverso“ kaj „longverso“. **WE**: Dankon! Tamen, la fermo en KF 29 ebligas certan liberon…

**La temo 41 – segitaj lignopecoj**. Nenio nova, la problemo daŭras, sed la diskutado klare montris, ke la ege polisemia „tabulo“ por fakaj aplikoj ne konvenas. La pliparto de KF-anoj komplezas apliki la terminon „breto“ en ĝia vastigita (fakte la dua) signifo. Fabien eble uzados „planĉo“ aŭ restos ĉe „tabulo“. Espereble li ne sekvos la rekomendon de K. J. Moberg el 1958, kiu unuigis la nociojn de breto kaj dilo sub dilo.

**La temo 45 – balkosubtenaj konstruktoj**. Reagis sole Fabien van Mook: „Mi inklinas al «bokobalko», se oni ankoraŭ difinos «bokon»; aliokaze mi konsentas kun «pendobalko». Pri «ŝtrebobalko» mi jam konsentis. Pri «kablobalko» mi ankoraŭ hezitas, pro la eblo uzi stangon; pli bonan nomon mi nun ne povas elpensi.“ **WE**: En la konstrukto kun pende subtenanta balko nepre devas esti la esenca motiva karakterizaĵo „pend“: pendobalko, ne bokobalko. – La tria versio – kablobalko – povus esti nomindikita laŭ la germana *unterspannter Balken*, sed helpe de adjektiva atributo: substreĉa balko. Sed estas preferinde, ke la tri parencaj versioj estu laŭ la formo simetriaj kunmetaĵoj, t.s. kun „balko“ kiel vorta ĉefelemento kaj kun determina flankelemento antaŭe. Laŭ mia opinio „substreĉbalko“ por praktika (metiista) uzo forme ne konvenas. „Kablo“ estas ankaŭ esenca (materia) karakterizaĵo de la nocio, do uzebla. Nur stangoj por la konstrukto ne taŭgas (!), stangoj povas esti uzitaj maksimume en kombino kun kablo, kiu per siaj meĥanikaj proprecoj ebligas reguladon de fortoj en la sistemo. – Mi konsideras la temon fermita.

**La temo 46 – balkoj kaj kampo aŭ spano**. Fabien van Mook: „Kiam ni diskutis pri «spano» en KF 12, mi jam rimarkis, ke mi preferas „spano = spaco“, koncize dirite. Eble mi jam pensis pri esprimoj kiel «trispana ponto». Se vi volas diri «kampo» ĉi tie, mi ne kontraŭas. WE: Bone, ambaŭ manieroj de la laŭlonga karakterizo de ponto, estakado, arkado k.s. estas ĝustaj: ekz. trikampa ponto, trispana ponto. – La temon mi konsideras fermita.

**<u>La temo 47 – *Oberlicht, rooflight*</u>**. La temo ŝajnas esti nekonkerebla. Ĝis nun venis neniu konsiderebla propono. Pri mia sugesto „superlumo“ J. Horváth informis, ke „ĝi povas esti (de li) konvencie akceptita“. Krome mesaĝis Fabien: „Mi plu konsideras *rooflight* kiel iaspecan fenestron. La ekzisto, aŭ ne, de embrazuroj, parapeto k.a. ne gravas. Ŝajnas al mi, ke vi celas nocion ne tute similan al tiu, kiu en la angla nomiĝas *rooflight/skylight*. Tiuj ĉi kutime estas fenestroj. Sed vi mencias grandajn „vitraĵojn“. Eble vi celas tion, kion oni en la franca nomas *«verrière»*, http://fr.wikipedia.org/wiki/Verri%C3%A8re. WE: Unue, nia objekto (*rooflight*) ne estas fenestro (!), ĝi ja estas pli tegmento ol fenestro, kaj la grandeco tute ne ludas iun rolon. La franca *verrière* estas unu speco de nia objekto. Konciza difino: (*rooflight* – superlumo) estas vitrita tegmenta konstrukto servanta por la supra prilumo, event. aerumado de ampleksaj internaj spacoj en dom-konstruaĵoj. Ili havas plurajn formojn laŭ la situo, amplekso, celo de la konstruo kaj materiala versio. – Mia nova propono: „**lumkovralo**“ (kovrilo, kovrumo kaj kovraĵo jam estas nocie okupitaj, restas la internacia sufikso „al“, kiu signifas „io aparte, speciale, karakterize –a, io –a en pli altkategoria senco (ekzemploj laŭ la esperantologo kaj verkisto Karel Píč (CZ): muziko – muzikaĵo – muzikalo; arealo, finalo, ĥoralo, Ilustralo (PIV), majalo (studenta majfesto), marialo (nomo de la preĝo Saluton, Maria), naturalo (natura karaktero), novalo, patralo (nomo de la preĝo Patro nia), personalo, radikalo, semajnalo (semajngazeto), serialo, termalo (termobanejo), trimastalo (trimasta ŝipo). Du specojn de „lumkovralo“ mi montras ĉi-sube:



*Negranda ŝtupareja „lumkovralo“ servanta ankaŭ por delaso de fumo kaj varmo okaze de incendio. Materialo: plasta vitraĵo.*



*Iom ampleksa zona „lumkovralo“ de la firmo Essmann, typo 940/10, aplikebla por plataj tegmentoj, laŭbezone iu(j) segmento(j) de la priluma ekipaĵo povas esti aranĝitaj kiel malfermeblaj pro aerumado. La travideblaj flekseblaj plastaj platoj estas el polikarbonato.*

Ankoraŭ foje mi invitas vin al la komuna cerbumado kaj levo de via voĉo pri *rooflight*.

**<u>La temo 48 – bindoro</u>**. Neniu oponis „bindoron“. Akceptite.

**<u>La temo 50 – EBV Duden 275</u>**. Neniu nova komento. La diskuton mi fermas.

**<u>La temo 51 – ŝtonceramiko</u>**. Aŭdiĝis sole Fabien van Mook: „Post via rimarko el KF 29 ŝajnas al mi, ke vi kaj mi parolas pri malsama materialo. Indas do esplori la historion, antaŭ ol ni povos decidi. WE: Mi la materialon klare difinis per nacilingvaj ekvivalentoj kaj per la konsisto de la substanco. Pri kiu materialo vi pensas, mi ne povas scii. Mi trovis tiun ĉi nederlandan terminon: *steengoed*. Mia propono estas derivita de la eŭropaj naciaj terminoj, kiuj estas motivitaj per „ŝton“. Vi inklinas al nomo netravidebla, mi nomis tiun specon „markotermino“ (termino kiel marko). Tiu vojo estas irebla, sed neakceptebla estas la konfuziga francdevena „grezo“, por la ĉeĥisma „kamenino“ estas neniu pozitiva argumento. Mi petas vin pri nova prikonsidero kaj propono. Anticipan dankon.

**<u>La temo 52 Tektoniko</u>** (en arĥitekturo). La proponon aprobis J. Hotváth kaj F. v. Mook, kies mesaĝo tekstis: „La nocio klaras al mi kaj mi volonte akceptas la terminon tektoniko.“ La ceteraj ne oponis, la proponon mi konsideras akceptita. – El la kompilata arĥitektura enciklopedio mi informcele enmetas la artikolon titolitan: **Tektonika arĥitekturo** – arĥitekturo bazita sur la ideo esprimi per formo la funkcion de unuopaj partoj de konstrua sistemo, t.s. la funkcion subtenan (kolono, muro, vando) kaj la funkcion „esti per ili portata“ (trabo, entablemento, tekto, kornico, tegmento). Krom la enkrampe indikitaj forme karakterizaj elementoj estis kreita vico de specialaj formoj, kiuj estas resumataj sub la nomindiko → modluroj. Sur la bildo (en la kompilata enciklopedio): Fronto de Partenono – templo de Atena (Palas) – en Ateno.

**<u>Nova temo 53 – Terminoj estu bazitaj nur sur esperantaj radikoj</u>**, (Hannes Larsson, leganto de KF, lia mesaĝo): En terminologio oni devus pensi pri aziaj landoj, kies loĝantoj ne konas la okcidentajn lingvojn. Ĉu vi havas membrojn el aziaj landoj? Ne sufiĉas konstati, ke en la franca, la germana, la nederlanda, eĉ en la pikarda!!! ni havas similajn vortojn. La terminologio devus kiel eble plej ofte baziĝi sur esperantaj radikoj, kiujn ĉiuj esperantistoj de la mondo povas kompreni. Bela ekzemplo, kiu venas el tute alia kampo (sporto), estas **glitŝtonludo**. Anstataŭ uzi la vorton **kurlingo**, por kopii la anglan *curling* (ankaŭ en aliaj okcidentaj lingvoj oni kopiis la anglan vorton, kvankam ekzemple en la franca *curling* estas tute sensenca vorto). La vorton glitŝtonludo komprenas ĉinoj kaj japanoj: ludo per ŝtono, kiu glitas.

H. Larsson daŭrigas: Tiasence la vortoj estakado (p. 210) kaj aperturo (p. 214) ne estas bonaj, kvankam ili eble aperas en PIV. Zamenhof kaj la verkistoj de PIV tre ŝatis la francan; tial tro granda kvanto da francaj vortoj estis proponitaj. Estakado entenas la sufikson ad, kiu havas difinitan sencon. Aperturo signifas eble: turo, kiu aperas! La **Bona Lingvo** entenas milojn da vortoj, kiujn oni devus eviti kaj anstataŭigi per esperantaj vortoj.

**WE**: Kvankam la propono de H. Larsson ŝajnas esti saĝa, alloga por la diaspora esperantista komunumo, ĝi estas reale danĝera por la sorto de Espoeranto, ĉar ĝi apartigas la lingvon for de la «globala» internacia medio, kaj aliflanke, en la fako "terminologio" ĝi ne respektas la principojn de terminologia laboro, kiuj estas difinitaj en internaciaj normoj de ISO. La ISO-normojn estas necese respekti en ĉiuj lingvoj de la mondo, ne grave ĉu en la naciaj aŭ en la internacia (tie des pli!). Pri la problemo legu mian apartan kontribuon titolitan *Ĉu motivigi terminojn kaj fari ilin travideblaj?* sur la paĝoj 223-224 de tiu ĉi KF. Estas dezirinde, ke la kunlaborantoj kaj la legantoj de KF esprimu sian opiniopn pri la afero, kiu jam kelkfoje aperis en nia foruma traktado. Precipe la obskura «homonimofobio» persekutas esperantistojn de ĉiuj tavoloj, inkluzive la redaktan kolektivon de PIV kaj la Akademion de Esperanto. La emo kondamnadi vortojn, kiujn eblas false analizi al alisencaj segmentoj (ekz. la supre menciita aper-turo, aŭ la Schwartz-isma «litera turo» k.a.) estas laika alpaŝo, kiun estas bezone malakcepti. Neniu lingvo en la mondo estas ja sen homonimoj, neniu lingvo bazita sur la reale ekzistantaj fonemoj povas ilin plene evitigi. Per kiu vorto anstataŭigi aperturon? Ĉu per malfermaĵo, truo, fendo aŭ faŭko? Sed ĉiuj ĉi vortoj ne estas sinonimoj, sed nur nocie parencaj vortoj. Pri la internaciaj vortoj, kia estas ankaŭ kurlingo, mi esprimas mian opinion en la aparta kontribuo (p. 223-224).

**<u>Nova temo 54 – Bildvortaro Duden 276 – planko, tekto, ŝtuparo</u>** (laŭ la iniciatro de J. Horváth).

La koncerna bildkomplekso estas jam publikigita en KF 29, paĝo 216. Nun mi prezentas la tabelon kun la origina germana versio kaj la termin-proponojn de R. Eichholz (laŭ la 1a eldono de EBV en la jaro 1988), de J. Horváth kaj J. Werner. Via tasko estas la proponojn kompari, prijuĝi kaj elekti la formon por vi preferan, aŭ proponi version laŭ via propra prikonsidero.

| | **Originalo DUDEN** | **Rüdiger Eichholz** | **József Horváth** | **Jan Werner** | **ĉeĥa ekvivalento** |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | e Kellerwand, e Betonwand | kel-muro [beton-muro] | kelmuro (betona muro) | keletaĝa muro, (betona muro) | suterénní zeď (betonová zeď) |
| 2 | s Streifenfundament (s Bankett) | fundamento | fundamento | benda fundamento | základový pás |
| 3 | r Fundamentvor-sprung | fundamenta elstaraĵo | murplinto | elstaraĵo de fundamento | rozšířený základ |
| 4 | e Abdichtung gegen Wasser | horizontala izolaĵo [inter fundamento kaj kel-muro] | horizontala murizolaĵo | (horizontala) hidroizolaĵo | hydroizolace |
| 5 | r Schutzanstrich | hermetiga ŝmiraĵo | hermetiga ŝmiraĵo | ŝirma ŝmiraĵo | ochranný nátěr |
| 6 | r Bestich (r Rappputz) | stukaĵo | malfajna puco aŭ stukaĵo | malfajna puco | hrubá omítka |
| 7 | e Ziegelflachschicht | brika plank-tavolo | brikoplanko | brika pavimo | cihelná dlažba |
| 8 | s Sandbett | sabla ‹sub›tavolo | sabla subtavolo | sabla subtavolo | pískové lože |
| 9 | s Erdreich | grundo | grundo | grundo | rostlá zemina |
| 10 | e Seitendiele | apog-dilo | apogdilo | haltodilo | fošna (zarážka) |
| 11 | r Pflock | paliseto | paliso | paliseto | kolík |
| 12 | e Packlage (s Gestück) | ŝtonara tavolo | ŝtontavolo | ŝtonbazo | štětová vrstva, štět |
| 13 | r Unterbeton | betona ‹sub›tavolo | betona planko | sterna betono | podkladní beton |
| 14 | r Zementestrich (r Zementglattstrich) | glata beton-planko | tegbetonaĵo aŭ ŝmirbetonaĵo | cement[beton]a tegaĵo | cementový potěr |
| 15 | e Untermauerung | sub‹tenanta ›maso-naĵo | submasonaĵo | submasonaĵo | podezdívka |
| 16 | e Kellertreppe | ‹masiva› kel-ŝtuparo | kelŝtuparo (masiva ŝtuparo) | keletaĝa ŝtuparo | suterénní schodiště |
| 17 | e Blockstufe | blok-ŝtupo | blokŝtupo | blokŝtupo | plný schodišťový stupeň |
| 18 | e Antrittsstufe | komenca ŝtupo | alira ŝtupo | komenca ŝtupo | nástupní stupeň |
| 19 | e Austrittsstufe | fina ŝtupo | elira ŝtupo | fina ŝtupo | výstupní stupeň |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 20 | r Kantenschutz | ŝtupa eĝ-ŝirmilo | ŝtupeĝa ŝirmilo | ŝtupeĝa ŝirmilo | ochranný profil |
| 21 | e Sockelplatte | ‹ŝtupara› plinto | ŝtupara plinto | ŝtupara plinto | obklad soklu |
| 22 | s Treppengeländer aus Metallstäben | ŝtupara balustrado | ŝtupara balustrado | ŝtupara ŝtalstanga balustrado | ocelové tyčové zábradlí |
| 23 | r Treppenvorplatz | enireja ŝtupara platformo | ŝtupara placeto aŭ platformo | enireja placeto | místo před schody (vstupní podesta) |
| 24 | e Hauseingangstür | ĉefpordo | dompordo | dompordo | vstupní dveře |
| 25 | r Fußabtreter (r Fußabstreifer) | planduma skrap-krado | ŝuskrapa krado, kotkrado | ŝuskrapa krado | rohožka |
| 26 | r Plattenbelag | kahela planko | slaba kovraĵo, kahela planko | kahela pavimo | dlažba z dlaždic |
| 27 | s Mörtelbett | subkahela mortertavolo | mortera subtavolo | mortera sternaĵo | maltové lože |
| 28 | e Massivdecke, e Stahlbetonplatte | masiva plafono [slabego el armita betono] | masiva tekto (ŝtalbetona slabego) | masiva tekto, ŝtalbetona slabo | masivní strop, železobetonová deska |
| 29 | s Erdgeschoss-mauerwerk | ter-etaĝa brik-muro | teretaĝa muro | teretaĝa masonaĵo | zdivo přízemí |
| 30 | e Laufplatte | ŝtupara slabeg-parto | ŝtupara slabego | ŝtuparbraka slabo | schodišťová deska |
| 31 | e Keilstufe | betona subŝtupo | kejlosekca ŝtupobazo | kojna ŝtupo | klínový stupeň |
| 32 | e Trittstufe | horizontala ŝtuptabulo | tretoplato de ŝtupo | tretejo / tretfaco de ŝtupo | stupnice |
| 33 | e Setzstufe | vertikala ŝtup-tabulo | frontoplato de ŝtupo | fronto / frontfaco de ŝtupo | podstupnice |
| **34-41** | **s Podest (r Trep-penabsatz)** | **ter-etaĝa platformo** | **ŝtupara platformo aŭ placeto** | **ŝtupara placeto** | **podesta (odpočívadlo)** |
| 34 | r Podestbalken | ‹betona› platform-trabo | platformo-trabo | placeta balko | podestový nosník |
| 35 | e Stahlbetonrippen-decke | ŝtal-betona plafono kun ripoj | ripa ŝtalbetona tekto | ŝtalbetona ripa tekto | železobetonový žebrový strop |
| 36 | e Rippe | ŝtal-betona ripo | ripo | ripo | žebro |
| 37 | e Stahlbewehrung | beton-ŝtalo | betonŝtalo, betonŝtala vergo | ŝtala armaturo | ocelová výztuž |
| 38 | e Platte | plafona interripaĵo | kronslabego | (interripa) slabo | deska |
| 39 | r Ausgleichestrich | ebeniga ‹beton-› tavolo | ebeniga betontavolo | ebeniga (betona) sternaĵo | vyrovnávací mazanina |
| 40 | r Feinestrich | glata ‹beton-› tavolo | glatbetona aŭ ŝmirbetona tavolo | glata (cementsabla) tegaĵo | cementový potěr |
| 41 | r Gehbelag | ir-tavolo | tretkovraĵo | paŝtavolo | nášlapná vrstva |
| **42-54** | **e Geschosstreppe, e Podesttreppe** | **ŝtuparo kun inter-platformo** | **etaĝa ŝtuparo kun platformo** | **dubraka ŝtuparo kun interplaceto** | **dvouramenné schodiště** |
| 42 | e Antrittsstufe | komenca ŝtupo | alira ŝtupo | komenca ŝtupo | nástupní stupeň |
| 43 | r Antrittspfosten | balustrada suba fosto | komenca fosto de balustrado | unuaŝtupa balustrada fosto | nástupní sloupek zábradlí |
| 44 | e Freiwange (e Lichtwange) | libera flank-dilo | libera ŝtuparflanko | lumspaca ŝtuparbalko | volná schodnice |
| 45 | e Wandwange | apud-mura flan-dilo | almura ŝtuparflanko | apudmura ŝtuparbalko | schodnice u stěny |
| 46 | e Treppenschraube | ‹ŝtupara› bolto | ŝtupara bolto | ŝtupara bolto | schodišťový svorník |
| 47 | e Trittstufe | horizontala ŝtup-tabulo | tretoplato de ŝtupo | tretoplato de ŝtupo | deska stupnice |
| 48 | e Setzstufe | vertikala ŝtup-tabulo | frontoplato de ŝtupo | frontoplato de ŝtupo | deska podstupnice |
| 49 | s Kropfstück | angul-peco | angulpeco de ŝtuparo | ŝtuparbalka turnopeco | ohybník schodnice |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 50 | s Treppengeländer | ŝtupara balustrado | ŝtupara balustrado | ŝtupara balustrado | schodišťové zábradlí |
| 51 | r Geländerstab | balustrada fosteto; se vazo-forma en la mezo: balustro | balustro | balustrada stango | sloupek zábradlí |
| 52 | r Krümmling | kurba parto de la apog-relo | kurbopeco de manrelo | manrela turnopeco | ohybník madla |
| 53 | r Handlauf | apog-relo | manrelo | manrelo | madlo |
| 54 | r Austrittspfosten | balustrada supra fosto | fina fosto de balustrado | supra balustrada fosto | výstupní sloupek zábradlí |
| **55-64** | **s Zwischenpodest** | **interplatformo** | **ŝtupara interplatformo aŭ interplaceto** | **interplaceto** | **mezipodesta** |
| 55 | r Podestbalken | interplatforma trabo | trabo de interplatformo | interplaceta balko | podestový nosník |
| 56 | s Futterbrett | kovro-tabulo | frontoplato | garnobreto | výplňové prkno |
| 57 | e Abdeckleiste | kovro-lato | kovrolato | kovrolato | krycí lišta |
| 58 | e Leichtbauplatte | malpeza fibro-plato | malpeza kovrotabulo | malpeza konstrutabulo | lehká stavební deska |
| 59 | r Deckenputz | plafon-stukaĵo | plafonpuco aŭ plafonstukaĵo | plafonpuco | omítka stropu |
| 60 | r Wandputz | mur-stukaĵo | murpuco aŭ murstukaĵo | vandopuco | omítka stěny |
| 61 | e Zwischendecke | intertraba plafono | tekta izolaĵo | intertekto | mezistrop |
| 62 | r Riemenboden | tabula planko | tabulplanko | breta planko | řemenová podlaha |
| 63 | e Sockelleiste | planko-plinto | plankoplinto | plankoplinto | soklová lišta |
| 64 | r Abdeckstab | kovro-lato | kovrolato | kovrolistelo | krycí lišta |
| 65 | r Treppenhausfenster | ŝtupareja fenestro | ŝtupareja fenestro | ŝtupareja fenestro | schodišťové okno |
| 66 | r Hauptpodestbalken | ĉefa platform-trabo | ĉefa platformtrabo | ĉefa placeta balko | hlavní podestový nosník |
| 67 | e Traglatte | port-lato | portolato | porta lato | nosná lať |
| **68+69** | **e Zwischendecke** | **intertraba plafono** | **intertraba tekto** | **intertekto** | **mezistrop** |
| 68 | r Zwischenboden (e Einschubdecke) | intertraba konstru-plato | intertraba plafono | intersoliva plankumo | zapuštěný záklop |
| 69 | e Zwischenboden-auffüllung | intertraba izolaĵo | intertraba izolaĵo | intersolivaa ŝutaĵo | násyp na záklopu |
| 70 | e Lattung | plafon-lataro | plafonlataro | lataro | laťování |
| 71 | r Putzträger | kan-mato [por teni la stukaĵon] | kanmato | pucportilo | nosný podklad omítky |
| 72 | r Deckenputz | plafon-stukaĵo | plafonpuco aŭ plafonstukaĵo | plafonpuco | omítka stropu |
| 73 | r Blindboden | subplanko | plankolataro | kruda planko (plankumo) | hrubá podlaha |
| 74 | r Parkettboden mit Nut und Feder (r Nut- und Feder-riemen) | pargeto [el pargeteroj kun foldo kaj lango] | pargeto | pargeta planko (kun folda-langa interligo) | parketová podlaha na pero a drážku, (vlysy) |
| 75 | e viertelgewendelte Treppe | kvaron-turnita ŝtuparo | arka ŝtuparo | kvarone helica ŝtuparo | schodiště točité o čtvrtinu |
| 76 | e Wendeltreppe mit offener Spindel | helica ŝtuparo sen kolono | helica ŝtuparo sen kolono | helica ŝtuparo sen spindela kolono | točité schodiště bez vřetene |
| 77 | e Wendeltreppe mit voller Spindel | helica ŝtuparo kun kolono | helica ŝtuparo kun kolono | spindela (helica) ŝtuparo | točité schodiště s vřetenem |
| 78 | e Spindel | kolono | kolono de helica ŝtuparo | (ŝtupara) spindelo | vřeteno |
| 79 | r Handlauf | apog-relo | manrelo | manrelo | madlo |

**Rim**.: Jam antaŭ la publikigo de tiu ĉi bildkomplekso WE konsultis la terminojn kun la EBV-revizianto J. Horváth. Rezulte **WE** en la n-ro **5** korektis la epiteton protekta al ŝirma ŝmiraĵo; en la n-ro **12** ne akceptis la modifon al ŝtonerbazo kaj konservas la formon ŝtonbazo, ĉar ŝtono estas movebla peco, ne roko, krome ne temas pri malgrandaj ŝtonoj, sed pri relative grandaj ŝtonoj, kiuj estas en la bazo (la plej malsupra tavolo) starigataj vertikale unu strikte apud la alia, por ke estiĝu la baza tavolo firma, flekse rezistanta kontraŭ la premŝarĝo desupre; en la numeroj **32** kaj **33** WE enskribis la sinonimajn rekomendojn laŭ J. Horváth: tretfaco kaj frontfaco; fine en la n-roj **77** kaj **78** li konservas la nomon „spindelo“, kvankam J. Horváth indikas ĝin kiel mezeŭropismon (germana, ĉeĥa, hungara…). Li tamen konsentas, ke spindelo estas akso, ĉirkaŭ kiu io turniĝas, sed tio laŭdire ne sufiĉas por nomi la kolonon spindelo. Li aldonas, ke la grandaj vortaroj (Krause, Diego, Benson, de Smedt, Waringhien, Le Puil, Cardec-Costa, Tulio Flores) ne konas ĝin.

**WE**: La nomitaj vortaristoj ja ne prilaboris terminaron de ŝtuparoj kaj eĉ ne kompetentis pri tiu fako! Laŭ NPIV: Spindelo estas pli-malpli konusforma (ekstremaĵo de) akso, ĉirkaŭ kiu rotacias (rado aŭ alia) peco… (La krampojn enmetis WE). Helice evoluanta ŝtuparo ja volviĝas (~ rotacias) ĉirkaŭ la kolono (= spindelo). Por nomi tiuforman ŝtuparan kolonon spindelo ekzistas ne nur la germana *Spindel*, sed ankaŭ la angla *spindle*. Mi ne vidas iun baron por ne nomi tiun ŝtuparan kolonon spindelo. Nomi ĝin simple kolono estus konfuziga faro, ĉar ĉe ŝtuparoj laŭ-okaze ekzistas diversaj kolonoj, nespindelaj kolonoj, sed nur unu estas spindelo. – Pri la ceteraj proponj de WE J. Horváth komunikis: „Pri la ceteraj punktoj aŭ mi konsentas, aŭ mi ne oponas ilin.“

## Ĉu motivigi terminojn kaj fari ilin travideblaj?

Motivita termino devas reflekti karakterizaĵojn esencajn, alikaze la termino estus miskompreniga, sen kunteksto ofte ambigua. La difino de motivita termino: Termino, kies rezulta signifo estas **derivita** de ĝia **laŭvorta signifo.** Tiu estas primara signifo de kompleksa aŭ transigita termino. La laŭvorta signifo en diversaj lingvoj estas diferenca de la rezulta signifo, ĝi ofte tre varias. Ekzemplo: La angla ***dead**-end street* (morta, resp. senviva strato) estas la germana ***Sack**-gasse* (sakstrato) kaj la ĉeĥa ***slepá** ulice* (blinda strato). Laŭvortaj (primaraj) signifoj varias, sed la rezulta signifo estas por ĉiuj tri nacilingvaj signifoj la sama.

Nesufiĉe motivitajn terminojn akompanas komunikaj problemoj, precipe en la kazo de malofte uzataj terminoj. La afero devas esti traktata laŭ du vidpunktoj: motiviteco kaj laŭsignifa travidebleco. Terminoj motivitaj ĝuste, kiam en la nomon eniris nocia karakterizaĵo necesa kaj sufiĉa, estas laŭsignife travideblaj. Tiel konstruitaj terminoj portas en si funkcian avantaĝon kaj aperas tre ofte.

Motiviteco nesufiĉa, bazita sur karakterizaĵo neesenca, marĝena, povas produkti terminon nesufiĉe travideblan, kiu misgvidas, eĉ trompas, aŭ almenaŭ kaŭzas embarasojn – la akceptanto de la koncerna informo devas serĉi la celatan signifon laŭ kunteksto. En tiu situacio terminologoj preferas terminon nemotivitan, ni diru „markoterminon“. **Markotermino** estas ekzemple: domo, stego, kurlingo... Ordinara lingvo-uzanto ne scias etimologion de la vortoj kaj sole laŭ ilia sona kaj skriba formoj ne scipovas malĉifri ilian signifon. La signifojn oni devas ellerni, ĉe la vortoj komunuzaj tio okazas ekde infanaĝo. Ĉe la vortoj novaj kaj specifaj, precipe fakaj, oni trovas ilian signifon en sistemaj terminaroj, difinvortaroj aŭ enciklopedioj.

Markoterminoj estas kutime unuvortaj kaj unuradikaj, tio estas ilia ekonomia avanatĝo, kaj netravideblaj, tiu propreco helpas elimini miskomprenojn, sed samtempe malhelpas memorkapablon.

Ni revenu al nocie travideblaj motivitaj terminoj, kiujn preferas s-ro Hannes Larsson (vidu la temon 53 supre). Malgraŭ tio, ke ili estas oftaj, oni devas ilin akceptadi tre konscience, ĉar ili pro sia laŭvorta (primara) signifo povas esti nesufiĉe difinitaj. **Ekzemplo**: Piedpilkludo (laŭ PIV nekonvene piedpilko; ne temas ja pri pilko, sed pri ludo kun piedpilko) estas ludo, en kiu ludantoj piedbatas pilkon sen uzi la manojn. PIV anoncas sinonimecon inter piedpilko kaj la tradicia futbalo. Sed ekzistas piedpilkludoj, kies nomoj ne estas futbalo, sed (en) *foot tennis* kaj *fussball* (*indoor soccer*), (de) *Fußtennis* kaj *Fussball*; (fr) *tennis-ballon* kaj *soccer intérieur*. La travidebla motivita esperanta nomo «piedpilko» por futbalo estas konfuziga, vere estas pli konvene uzadi la internacian nomon futbalo! Alia ekzemplo: Oni povas rifuzi la arĥitekturan terminon «impluvio» (ne estas en PIV) kaj nomi ĝin «subtera akvujo» (~ akvotenejo, ~ akvocisterno). Sed tiuj ĉi nomoj ne estas terminoj por la nocio indikita kiel «impluvio», ĉar impluvio koncernas specife al: cisterno por pluvakvo sub «kompluvio» en atrio de antikva roma loĝdomo, poste nomata latine ĝenerale piscino.

Kontraŭstari la sportan terminon «kurlingo» estas ankaŭ starpunkto neserioza, ĉar «glitŝtonludo» estas peza kunmetaĵo el tri radikoj kaj krome neniu povas garantii, ke ie ne ekzistas kaj ne ekzistos alia ludo kun glitŝtonoj. S-ro Larsson avertis, ke kurlingo kiel eŭropisma vorto ne estas komprenata de azianoj. Mi jam menciis la specon «markotermino» (termino kiel marko de nocio), tia termino estas ankaŭ „kurlingo“. Ĝian signifon devas ellerni same azianoj kaj eŭropanoj, ĉar la plejparto de eŭropanoj ne scias la anglan kaj certe ankaŭ granda parto de angloj, nesportemaj angloj, nenion scias pri la ludo. Krome mi informas vin, ke la

vorto kurlingo jam estas ne nur en la esperantaj vortaroj angla (Butler) kaj germana (Krause), sed ankaŭ en la esperantaj vortaroj ĉina (eldonita en Pekino en 1990) kaj japana (Okamoto Joŝicugu).

Laika eliminado de netravideblaj internaciaj fakaj nomoj (terminoj) estas peko kontraŭ planlingva kvalito de la internacia lingvo. Mi avertas vin en tiu senco kiel terminologo, sen mia intenco mentori kaj iel malhonorigi la proponojn de s-ro Hannes Larsson. Li certe sian opinion kaj proponon sentas serioze. Tamen mi devas al li oponi la agitadon por lia „Bona Lingvo“ sen la vortoj kiel estakado, aperturo k.s. Tiun emon oni povas nomi homonimofobio, kiu fakte havas iom patologian aspekton, ĉar absolute ne estas eble atingi Esperanton tute sen homonimoj kaj imagaj (falsaj) homonimoj, kia estas ekz. «estakado» menciita en la nova temo 53. Ĉiu, kiun iritas la silabo „ad“ antaŭ la gramatika finaĵo, konsciu, ke sur la vojo al „Bona Lingvo“ ni devus forigi la vortojn (nekompleta listo): brigado, driado, miriado, najado, plejado, dekado, mikado, barikado, kavalkado, arkado, kaskado, balado, marmelado, ciklado, ĉokolado, nomado (etn.), pomado, Kanado, esplanado, serenado, Grenado, limonado, kamarado, parado, ŝarado, Beogrado, eldorado, estrado, balustrado, fasado, ambasado, invado, persvado ktp. Espereble mi montris, ke purigado de la lingvo en la traktata senco ne estas ebla. La rezulta lingvo certe ne estus Bona Lingvo, sed iu stranga piĝino.

## Jarkolekto de TAKE 2011

La redaktoro Fabien van Mook informas: Dum julio kaj aŭgusto mi pretigis la unuan redaktitan kaj enpaĝigitan version de la *Jarkolekto 2011*. Meze de aŭgusto mi sendis ĝin al la aŭtoroj por iliaj juĝo kaj komento. Espereble mi ricevos respondojn antaŭ la finiĝo de septembro, ĉar mi planas prepari la prespretan version en oktobro. Tiu ĉi plano signifas ioman prokraston de la presado de la jarkolekto, kompare kun aliaj jaroj. Mi jam informis pri tio la TAKE-estraron.

## Terminologia Forumo en UK 2011 – Kopenhgago

La konferenca forumo okazis laŭplane, sed plenumiĝis mia prognozo, ke ĝi la fakon terminologio apenaŭ tuŝetos, ĉar la anoncitaj prelegontoj, miascie, ne estas homoj kvalifikitaj por terminologio. Jam antaŭ la UK 2011 mi konfesis al s-ino M. Maradan mian opinion pri la prelegoj: „La elekto de prelegantoj kaj de la temoj estas nebona (krom la via).“ Jen la temoj: Ch. Kiselman: Streĉiteco inter planlingvo kaj ĉiutaga parolata Esperanto; A. Wandel: Kiel gugli por trovi vian blogon; E. Bick: Tradukcela terminologio, (laŭ resumo de la prelego tute ne temis pri terminologio, sed ĉefe pri „kreado de esperantaj terminoj per tradukado de anglaj konceptoj“ (li celis nociojn!); M. Blahuš: Kelkaj interretaj projektoj rilataj al terminologio en Esperanto. La forumon organizis la grupo por interreto kaj Esperanto «I@E», sed miascie en la grupo estas neniu terminologo, ankaŭ la supre nomitaj personoj ne estas terminologoj. El nia grupo KF la forumon partoprenis Claude Longue-Épée, kiu min pri la aranĝo informis tiel ĉi: „Mi devas konfesi, ke mi estis iom seniluziigita, kaj ne havis la okazon interveni. La prelegoj kaj diskutoj ja ĉefe (**fakte nur**) temis pri la informadikaj rilatoj kun la terminologio (ĝenerala kaj esperanta). Bedaŭrinde mi ne sufiĉe kompetentas pri informadiko kaj interreto por kapabli partopreni la diskutojn. La gvidantino de la forumo preskaŭ ne intervenis. Mi do ne havis okazon levi la problemon de la neekzistantaj terminoj por fakaj aferoj, ekz. en konstrufakoj kaj industrioj. Mi bedaŭras, sed fakte mia ĉeesto tute ne estis utila...“

La forumo estis laŭteme grava mispaŝo, la organizintoj, ankaŭ UEA-kompetentuloj, verŝajne ne scias, ke informadiko mem neniel rilatas al terminologio, interneto. Komputiko rolas en terminologio same (fakte eĉ malpli!) ol la latina alfabeto, nuraj teĥnikaj rimedoj ili estas, informadiko kaj komputiloj mem kreos neniun terminaron, dum sen ili ja aperis kaj aperas gravaj verkoj terminologiaj. En interreto abundas informoj pri TEC (Terminologia Esperanto-Centro), sed ĉio tio estas senutila babilado sen serioza bazo kaj rezulto. Troveblas tie eĉ la retadreso: <...@...>.Pluraj informoj tie estas malveraj. Ĉu UEA kaj ĝia estrarano por faka kaj scienca agado, Prof. Amri Wandel, vekiĝos?

## Arĥitektura enciklopedio en Esperanto (?)

En la lasta numero de KF la titolon akompanis la vortoj: Ĉu okupiĝi pri la afero? El la tuta kunlabora skipo KF neniu la ideon komentis, neniu proponis partoprenon. Nur la kolego EBV-revizianto, J. Horváth, montris sian intereson, deziras legi la parton „a“, kiu por mi estas nur provo, ellabori la verkon ŝajnas al mi celo neatiingebla pro la amplekseco de la tasko kaj pro mia aĝo. Mi do ne promesas daŭrigi la laboron.

## Pri morfemoj kaj vortradikoj

La temon mi traktis pasintnumere en la alineo pri la temo **38** – traverso, longverso (p. 212), nome en la kadrita parto. La tekston mi kompilis kiel lingvistika amatoro klerigita pri la afero de morfemoj. Nerefutebla fakto estas, ke:

| |
|---|
| Morfemo en lingvoscienco estas la plej malgranda grupiĝo de fonemoj kiel portanto de la bazo kun leksika signifo – vortokonstrua unuo. La scienco pri morfemoj estas morfemiko, valida ankaŭ por Esperanto. |

Vere tre surprizita mi estis, ricevinte mesaĝon de **Fabien van Mook**, en kiu li **konfesas**: Mi hezitas akcepti la kompromison, kiun vi proponas en la kadrita teksto. Mi konsideras la tradician esperantistan komprenon de radiko (ekz. „kilogram" estas unu radiko) elemento de unu el la teorioj, per kiuj oni provas priskribi la esperantan vortfaradon. En la kadrita teksto vi prezentas komenciĝon de alia teorio, kiu verŝajne ebligas pli ĝeneralan kaj nuancan priskribon. Vi ekzemple ne mencias, kiel kaj per kiuj dimensioj oni distingas diversajn morfemojn. Ekzemple, en la literaturo oni ofte distingas memstarajn morfemojn disde ligaj morfemoj. Post plua disvolvo de la teorio eventuale evidentiĝos, kiel la tradicie komprenata „radiko" konsistas el kiaspecaj morfemoj.

Alparolode WE al Fabien: Via supra deklaro min vere ĉagrenas, ĉar ĝi enhavas misaĵojn. Komento:

- Se vi konsentus pri la ĝenerale validaj tezoj de internacia morfemiko, ne estus necese, ke vi akceptu la kompromison de mi bonvole faritan direkte al oponantoj de la lingvosciencaj reguloj.
- Vi ne pravas, ke tradicia esperantista kompreno de radiko ampleksas ankaŭ stamojn, t.e. derivaĵojn konsistantajn el radiko kaj afikso (ekz. kilogramo). Kie vi trovis vian „tradicion"?
- Kiujn teoriojn vi imagis sub la vortoj „unu el la teorioj, per kiuj oni provas priskribi la esperantan vortfaradon." La teorio ja estas nur unu, tiu aprobita de AdE en la jaro 1967 (formulita de René de Saussure komence de la 20a jarcento). Legu PAG, § 284!
- En la kadrita teksto (KF 29, p. 212) mi ne prezentas komenciĝon de (iu) alia teorio, sed la bazan lingvosciencan instruon pri morfemoj kaj radikoj, kiu nepre validas ankaŭ por Esperanto.
- Kio laŭ via imago estas „dimensio" de morfemoj? Bonvolu afable tion ekspliki al mi.
- Morfemoj povas esti memstaraj kaj ankaŭ kunigitaj (ĉe vi „ligaj" estas nekonvena nomo, eble vi pensis pri „konektemoj") kun alia(j) morfemo(j) en vorto. Pri specoj de morfemoj mi skribis en KF 29.
- Pri disvolvo de kiu teorio vi skribis? Mia lecioneto pri morfemoj en KF 29 estas bazita sur literaturo sekvanta teorion stabilan kaj malnovan, minimume centjaran.
- Via eldiro „…evidentiĝos, kiel la tradicie komprenata „radiko" konsistas el kiaspecaj morfemoj" eble estas laika „blagaĵo". Sciu ja, ke radiko **ĉiam** konsistas nur el unu morfemo. La vorto „kilogram" (sen gramatika finaĵo) entenas du morfemojn: **kilo** (kun la leksika signifo „milo") kaj **gram** (kun la leksika signifo „unuo de maso"). Kilogram do ne estas radiko, sed stamo, alidire radikalo, sed ne radiko.
- Resume: Via maniero de vort-analizo ne kongruas kun la kondiĉoj necesaj por la serioza terminologia laboro, tio signifas por mi seniluziiĝon.

Instigo por la ceteraj KF-anoj: Mi volonte ricevos priskribon de via imago pri la traktita temo.

## Postskribo al la 30a numero

La 30a numero de KF estas la antaŭlasta, se en novembro 2011 ne aperos iu nova aktiviga impulso aŭ almenaŭ bezono ŝovi la fermon al posta resumo de la situacio lime de la jaroj 2011/2012.

Resumante la situacion nur supraĵe, mi juĝas nian agadon en la daŭro 2005-2011 kiel utilan kaj fruktodonan. Sed samtempe mi vidas, ke mi persone kontribuis la agadon pli ol estis la averaĝa kontribuo de la kolektivo. Tio min iom post iom alkondukis al la decido rezigni…

La decidon subtenis ankaŭ la ĝeneralaj regresaj simptomoj en la movado: fikcia, ne reala ekzisto de la plejparto de esperantistaj establaĵoj (TAKE, ISAE, TEC kaj pluro, eĉ multo de aliaj fakaj kaj ankaŭ landaj asocioj), kadukiĝo de la Akademio de Esperanto, kiu laŭ A. Cherpillod plu ne rajtas sin nomi akademio (post la forpaso de Gaston Waringhien envenis ĝin „ratoj"), mispaŝoj de UEA, ĝenerala primitivismo kaj stagno de esperantologio, la ĝenerale la nivelo de lingvoscio sinkas, inklino al nura turismo…

Al la nova komisiito de UEA por ISO kaj Infoterm, s-ino Mélanie Maradan, juĝante la situacion en esperanta terminologio konekse al la Terminologia Forumo en la kopenhaga UK 2011, mi notis ok punktojn, kiel mi imagas homojn gvidantajn la esperantan terminologian agadon, jen:

- perfekta scianto de la lingvo Esperanto (**vortofarado**, plana sistemo),
- perfekta fakulo, konscianta **nocian** strukturon de sia fako,
- perfekta scianto de la terminologiaj principoj kaj de **etapa** terminologia laboro,
- kapabla labori en internacia skipo,
- kapabla ne rigide, sed **flekseble** solvi komplikajn nociajn kaj leksikajn problemojn,
- kapabla solvi ĉiuspecajn problempojn, regi **logikan pensadon** (konsideradon),
- elstari per bona parola kaj skriba sinprezento,
- en ĉiu situacio preferi aktivan kaj **kreivan** frontadon de taskoj.

Ŝi respondis (objektive ĝuste): Ĉu oni ne malkuraĝigos homojn, se oni atendas tro de ili? Nu, la nivelon oni ne povas levi en unu momento, sed estas necese rompi la regreson al progreso evolue.

Al M. Maradan mi sendis freŝe tradukitan la 19an ĉapitron el la verko de J. A. Komenský VIA LUCIS, kiu traktas la universalan lingvon. Mi notis, ke tiu preskaŭ 400 jarojn malnova teksto estas pli proksima al la

ĝuste okazanta Terminologia Forumo en Kopenhago, ol la prelegoj tie okazantaj. La traduko mi metos al tiu ĉi numero de TK kiel almetaĵon (pardonu la negrandajn litertipojn kaj formaton).

Viajn komentojn al la temoj de tiu ĉi numero mi atendas antaŭ la fino de oktobro 2011!

Brno la 5an de septembro 2011 Jan Werner

**Jan Amos Komenský** (Comenius; 1592-1670)

# **La vojo de lumo** (Via Lucis)

La ĉapitro XIXa

## La aspekto de universala lingvo

1. Kiel granda baro por pluteni konkordon, por kulturi klerecon, por vastigi instruon pri la vero kaj por disvastigi limojn de eklezio, estis por la homa socio *konfuziĝo de lingvoj*, tio evidentiĝos tuj el tio, ke Dio, dezirante kompati nin pro niaj obskuroj kaj enporti en la mondon la lumon de evangelio, uzis lingvan peradon laŭ du manieroj.
2. Unue li volis, ke *la greka regno la alvenon de Kristo anticipu kaj la romia ĝin akompanu. La vere kulturitaj lingvoj de ĉi ambaŭ regnoj, disvastiĝintaj al pluraj nacioj samtempe kun la regado, fariĝis feliĉaj perantoj de evangelio*, kiel tion atestas la skribo sur la kruco de Kristo, la evangelioj, la apostolaj libroj kaj ankaŭ la libroj de patroj grekaj kaj romanaj.
3. Due, ke la Sankta Spirito *pridonacis la heroldojn pri evangelio per la scipovo ankaŭ de aliaj lingvoj, por ke la voĉo de evangelio povu vastiĝi ankaŭ al la nacioj, kiuj komprenas nek greke nek latine*, ĉar sen tiu rimedo la atingo de klereco en homaj mensoj ĉe alilingvaj nacioj estis barita.
4. *Neeviteble do ankaŭ nun, kiam oni serĉas renovigon de la tuta mondo, kaj tion oni esperas, la helpo de lingvoj estos necesa. Por la homoj, kiuj disvastigados tiun ĉi lumon de saĝo, povos esti utiligata bonvena helpo de kiu ajn lingvo, aŭ helpo de iu unika lingvo komuna por ĉiuj nacioj*. Eĉ se ambaŭ ĉi manieroj ŝajnus neeblaj, tamen la afero ne estas tia, sed la dua maniero estas pli efika ol la unua, ĉar estas pli facile, ke ĉiuj ellernu unu kroman lingvon, ol unuopulo ĉion. La celon oni atingu per homa laboro kaj peno. Vere tiel la afero statas, ĉar la tempo de donacmirakloj jam ĉesis.
5. Kleraj homoj certe devos pripensadi la manieron, kiel facile akiri la scipovon de lingvoj parolataj en landoj, kiujn ili pro la afero kontaktos, aŭ ili devos prilabori kaj establi iun unusolan lingvon, kiun ankaŭ ili mem en reciproka kontakto uzadus kaj kiun povus facile ellerni ĉiuj nacioj (ankaŭ la plej kleraj). Ili decidu pri kiu ajn el la du vojoj, danke al helpo de Dio oni atingos certajn avantaĝojn.
6. *Sed estas necese preferi la duan vojon, ke estu kreita iu lingvo komuna por la tuta mondo*. Ĉiuj homoj, uzante la samajn vortojn, interkomprenos sin pli bone. *Jam unuavide tio estos klara signo, ke tiu ĉi universala lumo atingis ĉiujn, streboj pri klereco pli firme fiksiĝos en la tuta socio kaj pli efike vastiĝos al posteuloj. Kaj ĉiu, kiu deziros, povos vojaĝi tra ĉiuj regionoj kaj terzonoj, ĉiu komprenos ĉiujn homojn kaj ĉiuj same komprenos onin.*
7. Tiu stato estus tre agrabla kaj nur tiam ni povos konstati, kion laŭ la maniero de poetoj prikantadis Claudianus, flate parolante pri la vasteco de romia regno, kiun tiel saĝe administris Stilicho: *Pro lia inklino al paco ni ĉiuj dankemas pri tio, ke al diversaj landoj ni nun venadi povas kvazaŭ en la proprajn; ke nian rezidejon ni povas ŝanĝi; ke ni povas vidi Thúlé, kaj tuj poste vagadi tra terpartoj, kiuj iam estis timindaj, ke el Rhodanus*[2] *ni trinkas nun kaj alitempe ni trinkos el Oront, ke ni ĉiuj estas nacio unu.* – Tamen tiu ĉi granda bonstato ne estas donita por la tempoj de la Krista regado. Pri tio ni ekscios en la sekvanta ĉapitro.
8. *Ĉar tiu ĉi komuna interkomunikilo de nacioj devas esti por ĉiuj sufiĉa, agrabla kaj amplena, por neniu malfacila, kruda kaj neafabla, kaj ĉar ni devas tian ĉi peranton jam serĉi*, mi ne povas preterlasi la konsiderojn de Juan Luis Vives (1492-1540), kiu ankaŭ deziris por la tuta mondo unusolan lingvon (la konsiderojn li eksplikis komence de la III-a libro „Pri komunikado de sciencoj“). *Ĉar lingvo* (kiel li diras) *estas ankaŭ instrumento de la homa socio kaj ankaŭ trezorejo de klereco, por la homaro estus utile, ke la lingvo estu unu, ke ĉiuj nacioj ĝin parolu. Ĝi estu plaĉa, trafa kaj riĉa. Plaĉa pro agrabla fonetismo. Elvokiva per klara kaj neambigua signifo de vortoj. Riĉa pro varieco kaj abundo de vortoj kaj formoj. Per tia lingvo homoj parolus ŝate, ĉiukaze ili konvene trafadus la ĝustan sencon, konstante kreskus ilia juĝkapablo.* Sed li aldonis: *Kaj el la lingvoj, kiujn ni nun uzas, miaopinie ŝajnas tia esti la lingvo latina, ĉar: **1**e ĝi estas vastigita tra multaj nacioj, **2**e preskaŭ ĉiuj sciencoj*

[2] France nun Rhône

*estas latine traktataj,* ***3****e ĝi estas riĉa,* ***4****e laŭsone plaĉa,* ***5****e trafe esprimiva. Pro la menciitaj motivoj estus peke ne konservi ĝin kaj ne kulturi plu. Se ni ĝin perdus, sekvus granda ĥaoso en sciencoj ktp. Ankaŭ por la vastigado de pieco ĝi estas tre utila, por ke la homoj reciproke sin komprenu. Plu necesas inici sciencistojn pri iu lingvo, per kiu estus notataj aferoj sekretaj ktp. Tamen mi ne scias, ĉu ĝi estu diferenca de tiu lingvo komuna.* Tiel skribis Vives.

9. Ni konsentas kun Vives nur en tio, ke ni agnoskas neceson de unu lingvo komuna por la mondo, sed ne konsentas, ke en la kazo de ties malhavo estus por tiu bezono elektinda prefere la latina, ol iu el la ceteraj lingvoj. *Sed nia konsiderado nun celas pli alten, tial ni opinias ne alie, ol rekomendi lingvon tute novan. Por tiu solvo ni havas tiujn ĉi motivojn*:

10. Unue, *per universala lingvo oni devas helpi al ĉiuj egalrajte*. *Per la latina lingvo ni helpus pli-malpli nur nin mem, ĉar ni jam scias ĝin,* sed ne al nacioj nekleraj (kiujn en la afero ni devas aparte respekti, ĉar ili prezentas la pli grandan parton de la mondo). Por ili latino estas nekonata kaj malfacila same kiel la lingvoj ceteraj, ja eĉ pli. Ĝi postulas tre penan multjaran zorgon kaj koncentritan diligenton, kiel tion spertas nia junularo kaj kiel tion pruvas la strukturo de la lingvo mem. Ĝi estas plena **1**e de diversaj deklinaciaj kazoj, **2**e de tempoj kaj modoj ĉe verboj, **3**e rilatoj en sintakso, **4**e en ĉio ĉi nomita ĝi abundas je multaj neregulaĵoj. Italoj ĉion tian el sia lingvo grandparte eliminis. Ĝuste pro tio iu povas opinii la italan kiel fuŝitan latinon, sed male, italoj atingis, ke ilian lingvon volonte lernas ne nur preskaŭ ĉiuj nacioj eŭropaj, sed ankaŭ araboj, turkoj, tataroj kaj aliaj barbaroj, malgraŭ rezidue elstarantaj dornoj, kiuj ankoraŭ restis en la itala lingvo kiel neregulaĵoj. Kion ni povus ĝisatendi, se ni havus lingvon ankoraŭ pli facilan kaj en ĉio plene regulan kaj fluan!

11. Due, *la universala lingvo devas esti el ĉiuj lingvoj la plej riĉa, ĉiuflanke sufiĉa, por ke ĝi fidele trafu ĉiujn aferojn, facile esprimadu ĉiujn imagojn de la homa menso. Latino ja tia ne estas, tion montras ĝi mem, ĉar ĝi estas malriĉa pri kunmetaĵoj kaj nesufiĉe ekipita koncerne derivaĵojn.* Tial ĝi tiom da vortoj prunteprenas el aliaj lingvoj, precipe el la greka, de kiu ĝi plene dependas kaj sen kiu ĝi neniam atingas perfektecon. Sen reala universaleco kaj simpleco, sen reala perfekteco, kian ni serĉas, latino sufiĉas nek al si mem, nek al aferoj universalaj.

12. Fine, kaj tio estas la ĉefa afero, *universala lingvo devas esti universala kuracilo kontraŭ konfuzigo de nocioj.* Tion lingvo ne povas atingi alimaniere, ol progresi paralele kun ĉiuj objektoj, havi da vortoj nek pli, nek malpli ol estas objektoj, kaj kunmetadi vortojn tute precize laŭ la sama ordo, kiel inter si objektoj rilatas. Tio signifas, ke jam sono mem esprimu la esencon de objektoj kaj klare ĝin prezentu al la menso. Latino tion kapablas same nesufiĉe kiel ajna lingvo alia. La homoj de fruaj epokoj, aŭtoroj de la lingvoj konserviĝintaj ĝis nia tempo, ne estis tiom ekzaktaj observantoj de realaĵoj, ke ili perceptu ĉiujn diferencojn kaj nomindiku ilin per vortoj nocie trafaj kaj vere konvenaj. Por ili sufiĉis vorte esprimadi aferojn konatajn kaj ordinarajn. Tre multaj vortoj tiel aperis nur hazarde kaj homoj ilin ekuzis senmotive ankaŭ por nomi tiun aŭ alian objekton (jes, ankaŭ sence malan objekton ili nomis per la sama aŭ simila vorto, aŭ inverse, la saman objekton per vorto sence mala). De tie devenas abunde da homonimoj, sinonimoj, paronimoj, tropoj, figuroj, perifrazoj, el kiuj rezultas multe da ambiguaĵoj, nebezonaĵoj kaj konfuzoj. Kiam ajn estas necese pri aferoj paroli precize, oni devas aŭ formuli difinojn kaj nove kaj denove klarigi, kion oni per tio aŭ alio komprenu. Aŭ ni estas devigataj dum nia priafera konsiderado fari esceptojn, distingojn aŭ limigojn, ofte pli laike aŭ sofistike, ol laŭvere. En la aferon ni tiel enportas aŭ necertecon aŭ eblan trompon, ĉar ofte eĉ nocio mem ne estas sufiĉe senigita de konfuzeco.

13. De tie rezultas, *ke ĉiuj nacioj ĝis hodiaŭ konstruas Babelturon, kaj neniam sin interkomprenas sufiĉe en tio, kion ili faras kaj parolas,* ne nur homoj de malsamaj lingvoj, sed ankaŭ de la sama lingvo. Ĉar objektojn ili nomis ne laŭ ties esenco kaj ĉar la bazojn de aferoj oni ne malkovras per uzado de lingvo, nek per reciproka akordo inter nomoj kaj objektoj, okazas, ke kiam ajn ekestas konflikto pri aferoj, homoj disputas iel-ĉiel, neefike, nur vortojn oni ŝanĝas per aliaj vortoj. Se vortoj ne estas ekzakte adekvataj al objektoj, ili ne povas veki imagojn konformajn al la objektoj. El tio rezultas, ke eĉ dum granda rumoro scienca kaj disputa, en la strebo pri saĝo oni progresas nur tre nemulte, ĉar *oni parolas nur vortojn, ne objektojn.*

14. El ĉio konkludeblas, ke *kontraŭ la pluroblaj baroj kaj konfuzoj en reciprokaj kontaktoj, kiuj ekestas pro la nombro, nefacileco kaj neperfekteco de lingvoj, ne ekzistas pli efika rimedo, ol konstruo de nova lingvo, super ĉiuj aliaj jam konataj,* ***1****e pli facila, por ke ni povu ellerni ĝin sen perdo tempa kaj materia,* ***2****e pli ĉarma, por ke oni povu ĝin lerni kaj ellerni ĝoje,* ***3****e pli perfekta* (tiel perfekta, kiel eblas laŭ la naturo de konkreta afero, kaj ankaŭ laŭ nia homa

neperfekteco en tiu ĉi antaŭĉiela studejo), *por ke ĝia scipovo estu tre utila por konsciiĝo pri la aferoj.*

15. Ni do sopiras pri la lingvo **1**e *racia*, kiu laŭ la vidpunkto afera kaj formala havus en si nenion, krom eco servanta por trafa esprimo de vera senco (ĝis la plej delikataj detaloj), **2**e *analogia*, kiu malhavus neregulaĵojn, **3**e *harmonia*, kiu inter objektojn kaj nociojn enportus neniun kolizion, ĉar ĝi jam per sia sonformo esprimus la esencon kaj distingeblon de aferoj. Jam per tio ĝi fariĝus kvazaŭ ia dotilo de saĝo. Se tiu lingvo estus akceptita en ĝenerala interkonsento de la homa populacio, ĉiuj ĝoje rekonadus, ke ĝi estas la plej taŭga rimedo por inspiri al reciproka korfavoro inter homoj kaj por interproksimiĝo de vero kaj afernocioj. *Ĉar nur tiam la tempo estos nomebla klera kaj paca, kiam lumo kaj paco envenos la aferojn, ties nociojn kaj ankaŭ vortojn, la nocio-portantojn.*
16. Interesa estas onia ekscio pri *objektaj signoj ĉinaj. Ili laŭdire avantaĝas pro la serveblo al reciproka interkompreniĝo eĉ de homoj malsamlingvaj, do eĉ permane povas interparoli tiuj, por kiuj lingvo en reciproka kontakto estas senutila*. Se oni agnoskas tion agrabla kaj se oni tion trovas avantaĝa, kial ni ne klopodas inventi prefere iun OBJEKTAN LINGVON, kiun ĉiuj komprenus same, ne grave, ĉu oni traktus lingve aŭ permane; kaj oni komprenus ne nur la lingvon, sed ankaŭ la nociojn, kaj eĉ pli, samtempe oni komprenus la objektojn mem. Tio vere postulus malpli da laboro, ol ellerni pli ol ses mil strangajn ĉinajn signojn, kaj certe tio alportus pli multan utilon.
17. *Nova lingvo de tiu speco estus la plej bela rimedo, kiu antaŭ la konscio de la mondo klarigus la saĝon de Dio laŭ la nova maniero. Dio jam kelkfoje helpe de homa lingvo prezentis mirindan modelon de sia saĝeco, sed ŝajnas, ke tiu ĉi nova lingvo estos kulmino de ĉio. Unue,* estas admirinde, ke Li kreis homan langon por formi tiom da sonoj (ĝi ja kapablas sonformi pli ol dudek primarajn kaj simplajn sonojn, la ĉenitajn ĉiujn). *Due*, per nura kunligado de la nemultaj primaraj sonoj – fonemoj – oni povas krei tiom grandan kvanton da vortoj, ke ili sufiĉas por esprimi plenan sumon de afera variado. *Ankoraŭ pli granda mirindaĵo estis la parolo* disigita en tiom da versioj, ke homaj lingvoj ne estas kalkuleblaj. Se la mondo daŭros plu, povas aperi ankoraŭ pliaj, artefarite aŭ hazarde. Se post tia diversiĝo kaj konfuziĝo eblos rekonduki lingvojn al akorda unuiĝo (trovante harmonian rilaton inter sonoj kaj aferoj), *oni rajtos tion nomi kulmino de Diaj mirakloj en la lingva sfero*. Tiu afero certe meritas, ke ĉiuj homoj konsidere konsciu, ke sole per tiu vojo eblas renovigi disŝiritan unuiĝon de nacioj, al la tuta mondo doni la samajn lipojn kaj altigi la gloron de Dio pere de tiel brila maniero.
18. Supozeble estos neniu, kiu ekdubus, *ĉu estas permesate* krei *novan* lingvon. Se tamen tiu ideo ĉe iu aperus, mi respondas, ke tiu faro estas permesita, nome pro Dia rajtigo de homo (Gen 2, 19). Ĉar esplorado de aferoj kaj nomado de objektoj estas konsista parto de la regado super kreitaĵoj, konfidita al la homo. Se Adamo, filozofoj, metiistoj kaj cetere ĝis nun kiu ajn rajtis al unuopaj objektoj atribui nomojn, kial ili ne povus krei ankaŭ verbojn, partikulojn kaj la ceterajn komponentojn, kiuj apartenas al la tuto de lingvo? Se tiom da lingvoj ekestis hazarde, per nura konfuziĝo, kial ne povus ekesti ankaŭ unu laŭ racia plano en lerta unuiĝo? Ja kial ni ĉion ĉi lasu al hazardo kaj ne konduku la aferon laŭ la vojo de racio? Se estas permesate korektadi nociojn de objektoj laŭ la modelo de la objektoj mem, kial ne estus permesate konformigi lingvon tiel, ke la korektitajn nociojn ĝi esprimadu pli konvene?
19. Same kiel Dio ne malhelpas la homan agemon, Li ja verdire instigas, ke oni kreadu pravajn nociojn pri aferoj, la Dio ankaŭ ne malhelpos, ke oni pri ĉiuj *aferoj* elformu pravan *lingvon*. Sed ĉu jam proksimiĝis la tempo, en kiu (kiel antaŭdiris profetoj) estu KOLEKTITAJ ĈIUJ NACIOJ KAJ LINGVOJ, ke *ili venu kaj vidu la gloron de Dio* (Jes 66, 18), kaj estu TRANSFORMITAJ HOMAJ LIPOJ, por ke ili fariĝu puraj, kaj per ili ĉiuj adoru la nomon de ETERNULO kaj servadu al Li per unu brako (Cef 3, 9). Por ke la Eternulo estu *Reĝo super ĉiu lando, Li estu unusola kaj same estu ununura Lia nomo, kaj la tuta tero fariĝu kvazaŭ ebeno* (Zeĥ 14, 9). Senco de la profetaĵoj estas tiu, ke foje por ĉiuj nacioj pompe ekbrilos la gloro de Eternulo laŭ la maniero pli glora ol okazis iam antaŭe. Ankaŭ estas klare menciite pri *kolektiĝo de lingvoj kaj transformiĝo de lipoj* (alidire *ŝanĝo*, kiel tradukis Tremellius)*, pri unusola nomo de Dio kaj pri kvazaŭebenigo de la tuta tero.* Tial estas eble kompreni la profetaĵon tiel, ke tiu, kiu en la unua evangelia tempo helpe de diverseco de lingvoj arigis ĉiujn naciojn al la unuiĝo en kredo, ke tiu sama en la tempo de plena kolektiĝo de nacioj arigos ankaŭ ĉiujn lingvojn, por ke ĉiuj al Li servu per puraj lipoj kaj unu brako. Ĉu Li volas tion fari mirakle, ĉu en kunlaboro homa, pri tio la mencio mankas, sed tio ne gravas. Fariĝu tio kiel ajn, ĉiam tio estos Lia faro.

20. *Se iu demandus pri la maniero, kiel oni povus tiun ĉi lingvon krei, do ofertas sin manieroj du, unu sekvas la lingvojn jam konatajn, la dua sekvas la vojon de la objektoj.* La unua maniero okazus laŭ la modelo de Zeuxis. Li, intencante pentri la bildon de Helena, alkondukigis al si junulinojn de elstara beleco, kiom estis eble, ĉion sur ili videbla li zorgeme ekzamenis kaj al sia Helena li transportis ĉiam tiun korpoparton, pri kiu li opiniis, ke ĝuste per ĝi la koncerna junulino superas ĉiujn ceterajn. Per tiu procedo li sukcese esprimis iun pramodelon de la plej perfekta ĉarmo. Io simila povus okazi ankaŭ en nia kazo, se ĉio en tiu aŭ alia lingvo elstara pro precizeco, beleco kaj sukplena originaleco (apenaŭ iu lingvo estas tiom malsufiĉa, ke en io speciala ne elstarus super la ceteraj) kolektiĝus kaj harmonie interligiĝus en unu lingvon. Tiel el pluraj ĉarmoj naskiĝus kvintesenco de ĉiuj ĉarmoj.

21. *Sed la dua maniero estas pli praktika, ĉar komponantoj de la nova lingvo lasus sin gvidi per la objektoj mem*, precipe pro konformigo de lingvaj formoj al ekzakta nocia esprimado. Nur en tiu kazo la harmonio estos vera kaj efika. Mem la objektoj, prezentante sin al la sensoj de ĉiuj homoj laŭ la sama maniero, por ĉiuj modifos la lingvon kiel facile kompreneblan kaj imiteblan. Du el la plej inĝeniaj francoj (*Marin Mersenne* kaj *Jacob Le Maire*) opinias, ke ili feliĉe jam fondis la bazon de tia lingvo. Ili esperas, ke per tiu lingvo ili interkompreniĝus ne nur kun iu ajn mondano, sed ankaŭ kun la loĝantoj de Luno, se ekzistas iaj. Apogante nin sur la fundamentoj de ĉiuj sciencoj, *ni kuraĝos esperi pri la lingvo, kiu estus dekoble pli facila ol la latino*, ĉar ĝi estus plene senigita de ĉiuj neregulaĵoj. Kaj *centoble pli perfekta*, ĉar ĝi ebligus servoprete esprimadi ĉiujn distingaĵojn de objektoj kaj nocioj. Kaj *milfoje pli taŭga por objektive trafa komunikado pri afer-esencoj*, ĉar unuopaj vortoj de la lingvo estus kvazaŭ difinoj, estante kreitaj laŭ nombroj, mezuroj kaj pezoj de la objektoj mem.

22. *Sed estu la ŝanco por tiu lingvo kia ajn, ŝajnas, ke dume estas bezone konsili pri jenaj du aferoj*:

a) Unuavice, ke *scioplenaj lingvoj, sanktigitaj per la surskribo sur la kruco* de Kristo, restu al *doktuloj por plua uzado*, la hebrea kaj greka lingvoj precipe kiel fontoj de la Sanktaj Skriboj, ankaŭ la latina lingvo, ĉar en ĝi estas entenataj trezoroj de tiomaj elstaraj majstroj.

b) Duavice, ke *ĉiuj nacioj konservu kaj kulturu ankaŭ siajn proprajn lingvojn, por ke ĉiu estulo laŭdu la Eternulon kaj ĉiuj lingvoj kantu al Li*. (Ni lasos por libera evoluo, ĉu la homoj, plene spertintaj la superĉarman lingvon, povos alimaniere ol malŝate trakti siajn barbare krudajn hejmolingvojn). Konsiderinda estas la kompilo de *ĝenerala leksikono* de ĉiuj lingvoj kaj simile ankaŭ de suma gramatiko, kiu prezentus kongruajn, diferencajn kaj ankaŭ diametre inversajn kutimojn en formoj kaj sintakso, por ke estu pli klare konstatebla la saĝo de Dio, penetranta ĉion (ankaŭ la konfuziĝon de lingvoj).

El la ĉeĥa tradukis Jan Werner
Brno 2011-08-15